# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

JANUARO 1940
XXXVI-a Jaro. N-ro 481 (1)

Jara abono . . . Fr. sv. 10.—
Anonco : Korespondado du linioj . . . . . . 1.—
Reklamo : Kolonero unu centimetra . . . 1.—

Poŝtĉeko svisa : Genève I.2310.

**ENHAVO :**

Nia vojo .................... 1
La helpo al Familio Zamenhof 2
Nostradamus reviviĝinta .... 4
El franca poezio ........... 5
Penso por la monato......... 5
Heroeca Finnlando ......... 6
Runo ...................... 6
Universala Esperanto-Asocio . 7
(Oficiala Informilo 1)
Esperentista Interhelpo ...... 7
Aldono : Varbilo por UEA ...

Redakcio : Palais Wilson, GENÈVE, Svislando

Fondinto : Hector Hodler, † 1920
Redaktoro : Hans Jakob.

## Nia vojo

Kio karakterizas la nunan militadon estas la preskaŭ scienca maniero, laŭ kiu gazetaro pritraktas la okazintaĵojn. Kiu relegas gazetojn de antaŭ 25 jaroj ja miras pri la tranĉa diferenco de la prijuĝo de faktoj kaj de la homoj. Tiutempe, la kontraŭulo estis nenio alia, ol malica krimulo kies pereo estas beno por la homaro. Hodiaŭ oni serĉas kompreni pro kiu kaŭzo la mondo ree falis en abismon. Kaj estas esperige por la estonto, ke oni rekonis faritajn erarojn en pasinto, nepre evitotajn en estonto. Ne plu oni babilaĉas pri ekstermo de tiu aŭ alia popolo, sed pri forigo de supereco de unu super alia kaj pri forigo de doktrinoj brue proklamitaj kaj efektivigataj. Resume, oni distingas la homon, kondukeblan kaj edukeblan al bono kiel al la malbono, kaj inter spiritstato ŝanĝinda kaj ŝanĝota. Kaj efektive : la individuoj en ĉiuj landoj estis kontraŭ milito.

Por ke la estroj de la mondo ne refaru pasintajn erarojn necesas, ke regu klareco en la publika opinio. Klareco pri senco de la nuna batalo, klareco pri la valoro de ĉiu gento aŭ popolo. Al tiu ĉi celo povas kunhelpi la internaciaj celadoj, kaj inter ili ne la lasta, la nia. La Esperantistoj ĉiam pli bone ekkonis la aliajn popolojn kaj konservis meze de propaganda bruo kritikan sintenon. Flegi tiun ĉi sintenon estas nia rolo kaj nia devo, kaj se ni ĉiuj restas firmaj en nia sinteno neniel mankante nian devon al la lando al kiu ni apartenas ni paŝas sur ĝusta vojo, tiun de nia Majstro. La vojo al l'ĝusta ekkono estas la nia.

« *Tra densa mallumo briletas la celo* », diris iam la kreinto de nia lingvo. Tiu ĉi mallumo spirita etendiĝis ĉien. Eĉ inter Esperantistoj ! Forgesita estis la idea deveno de nia movado. Iuj eĉ insistis, ke oni devus, se ne forigi la nomon de la lingvo, minimume silenti pri la kreinto. Nur por plaĉi al novaj estroj, cetere neniam konvinkigeblaj. Tiu ĉi misvojo kondukis al la plendinda stato de nia afero. Ĉio cetera estas nur akcesora. La kerno de la interna ideo de Esperanto, estas la respekto de l' vivrajto del' aliulo. Kaj defendi tiun ĉi rajton, eĉ per nia malforta voĉo estas nia devo. Ree paŝi sur tiu ĉi vojo estas unua kondiĉo por reunuigi la disan homaron kaj . . . esperantistaron.

# La helpo al la familio Zamenhof

## Unua raporto

---

La alvoko por helpi al la familio Zamenhof trovis ĝeneralan aprobon kaj alfluas la deklaroj kun mono. Pluraj donacintoj demandis kial oni ne pli frue ion entreprenis. Je tio ni respondas, ke jam dum la unuaj tagoj de Oktobro 1939, nia oficejo ekinteresiĝis pri la sorto de l'Zamenhofoj kaj komencis ekrilati kun diversaj aŭtoritatoj. La stato de la urbo Varsovio tamen estis kaj ankoraŭ estas tia, ke tiaj informpetoj renkontis barojn nevenkeblajn. Alfluis al Varsovio centmiloj da homoj, forkuris centmiloj, unu triono de la domoj estas detruita aŭ ne plu loĝebla, ĉiu retrovo de persono estas dankata pli al bonŝanco ol al metoda esplorado. Alia cirkonstanco kiu malebligas intervenon de samideanoj estas de leĝa naturo. Tamen kuraĝa amiko sin turnis al la okupacia instanco. Nenia respondo klara. Rezultas el ĉio nur unu kaj bedaŭrinda fakto : la domo en kiu loĝis la filo de nia majstro brulis kaj kun ĝi supozeble ĉio kio rilatas al li, dokumentoj, libroj, memorajoj. De samideano St. L., kasisto de nia Jubilea Kongreso ni ricevis poŝtkarton en franca lingvo, kiu tekstas jene

*Bonvolu urĝe demandi de via konsulo, ke li prenu en depono la dokumentojn kaj la objektojn de la ekspozicio de la kongreso* 1937, *forlasitajn en mia oficejo kaj parte savitaj post la brulo, kiujn mi ne plu povas konservi ĉe mi,*

La karto estis datita unua de Decembro kaj atingis nin ...... monaton poste.

Ni esploras tiun ĉi aferon, sed ne vidas praktikan eblecon interveni pro kaŭzoj klarigotaj pli malfrue.

Pli grava estas por ni la sorto de la familio Z. Diversaj tagaj gazetoj informis, ke F-ino Lydia estas arestita kaj akuzita pro tendenco malamika al la reĝimo. La plej dolora tamen estas, ke ĝis nun oni eĉ ne scias kie troviĝas la familianoj ! Nia tasko plej urĝa kaj grava estas retrovi ilin. Ĉiujn eblajn rimedojn ni uzis kaj uzas tiel ke ni devas

**s u k c e s i.**

En Decembro la Centra Oficejo dissendis al ĉiuj samideanoj en liberaj landoj kaj kies adresojn ĝi posedas, la cirkuleron pri helpo. Ĝis nun foriris pli ol kvinmil sendaĵoj. Pro la streĉita situacio je la jarfino ni haltis iom, daŭrigante en la nova jaro.

Ĝis jarfino 1939 la donacoj kolektitaj sumas 1337,10 fr. sv. Pro la malrapida poŝttrafiko, diversaj sendajoj kiuj devis nin atingi dum Decembro aperos nur en la dua raporto dum Februaro 1940.

Sendis donacojn :

### El Svislando

**(En svisaj frankoj)**

S-ino Lynch, Genève : 20.— ; S-ino Matzen, Genève : 3.— ; F-ino Elisabeth Damon Pichat : 5.— ; S-ro Müller, Cortaillod : 5.— ; D-ro Edmond Privat : 20.— ; S-ro Scheurer, Lyss : 10.— ; S-ro Rotach, Bern : 10.— ; S-ro Ozouf, Lausanne : 5.— ; S-ro Jules Wolf, Chaux-de-Fonds : 10.— ; F-ino Alice Früh, Sankt Gallen : 5.— ; S-ro Carlo Gilà, Locarno : 5.— ; S-ro Langenegger, Sankt Gallen : 10.— ; S-ro Dubois, Le Locle : 5.— ; S-ro Liechti, Biel : 10.— ; S-ro Steinmann, Bern : 4.— ; S-ro Vonlanthen, Bern : 1.— ; F-ino Billeter, Schüpfen : 10.— ; F-ino Lapp, Genève : 2.— ; S-ro Rohliĉek, Basel : 3.— ; S-ro Laederach, Les Brenets : 1.50 ; Gesinjoroj Ducommun, Les Brenets : 1.50 ; S-ro Kürsteiner, Sankt Gallen : 5.— ; S-ino Tissot, Basel : 100.— ; S-ro Nägeli, Aarburg : 5.— ; S-ino Müller, Genève : 1.— ; S-ro Le Brun, Kreuzlingen : 20.— ; S-ro Schwab, Romanshorn : 4.— S-ino Armleder, Genève : 5.— ; S-ro G. Stroele, Neuchâtel : 30.— ; D-ro M. Jaccard, Zürich : 10.— ; Esperantista Societo Konkordo, Biel : 12.— ; F-ino Riedle, Zürich : 15.— ; S-ro Huber, Luzern : 5.— ; S-ro Kuhn, Zürich : 5.— ; S-ro Jean Borel, Vaumarcus : 10.— ; S-ro Bouvier : 2.— ; S-ro Trembley, Genève : 5.— ; D-ro Maeder, Sankt Gallen : 5.— ; S-ro Ed. Stettler, Bern : 50.— ; F-ino Monod, Morges : 40.— ; S-ino Eberhardt, Thun : 5.— ; S-ro Perrochon, Bern : 2.10 ; S-ino Oumansky, Genève : 5.—.

Sumo kolektita en Svislando : 517,60 Fr.




### El Francujo :

**(En Francaj Frankoj)**

S-ro Jules Gilliard, Annemasse : 100. ; D-ro Poncet, Bourg : 100.— ; S-ro Basset, Saulce-sur-Rhône : 10.— ; S-ro Juin, Arcais : 50.— ; S-ro Marcel Genermont, Moulins : 50.— ; *Le Phare Espérantiste*, Sisteron : 150.— ; S-ro Rohrbach, Paris : 30.— ; F-ino Mignon, Bourges : 300.— ; S-ro Pons Funel, Andon : 10.— ; S-ro Chantagreil, Saint-Etienne : 30. ; ; S-ro Gouchon, Lyon : 100.— ; S-ro Soubranne, Tulle : 100.— ; S-ro A. Georges, Sens : 25.— ; F-ino Cecile Royer, Paris : 75.— ; S-ro Louis Pauvrehomme, Toulon : 100.— ; S-ro Deligny, Saint-Omer : 50.— ; S-ro Vanhove, Dunkerque : 10.— ; S-ro Ch. Brunet, Bordeaux : 20.— ; S-ro E. Carter, Sisteron : 10.— ; S-ro Henri Dubuisson, Le Havre : 20.— ; S-ro Daniel Chagnoux, Yzeure : 100.— ; Tulonaj esperantistoj, F-ino Crouch, S-ro Meriglier, S-ro Ailhaud, S-ro Turin, kune : 30.—, enpagitaj de S-ro Pauvrehomme ; F-ino Senez, Sablieu : 100.— ; S-ro Ricord, Toulon : 20.— ; S-ro Peruchon, Lyon : 10.— ; S-ro Jules Vroman, Roubaix : 50.— ; S-ro Constant Martin, Chatel-Guyon , 15.— ; S-ino Juillard-Pégurier, Paris : 15.— ; S-ro Martzloff, Sceaux : 50.— ; S-ino Jeanne Picout, Villechèneve : 40. ; Thiers-Esperanto, pere de S-ro Gonon, Thiers : 100.— ; Laborista Esperantista Klubo, Grenoble : 55.— ; Universitata Grupo, Lyon, pere de S-ro Borel : 213.50 ; S-ro Jules Dettviller, Gueugnon : 50.— ; S-ro E. Pomerol, Boulogne-Billancourt : 100.— ; S-ro Lucien Sergeant, Boulogne-sur-Mer : 200.— ; S-ro A. Bourgeois, Lyon : 100.— ; S-ro Guinaud, La Ferté-Alais : 20.— ; Esperantista Grupo de Villefranche :

260.—; Gesinjoroj F. Gaume, Livry : 100.—; F-ino Lecètre, Moulins : 10.—; S-ro Pierre Dumas, Lyon : 50.—; F-ino Jeanne Chemel, Cosne-d'Allier : 20.—; S-ro Pierrot, Cœuilly, par Champigny, Seine : 15.—; F-ino Pochard, Jarnioux : 50.—; S-ino Albert Jacob, Thonon : 200.—.

Sumo ricevita en francaj frankoj : 3.413,50.

## El Nederlando

**(En Nederlandaj Guldenoj)**

S-ro Moreau, Arnhem : 2.50; S-ro Pothast, Hago : 5.—; S-ro De Kuiper, Schoonhoven : 1.—; S-ro A. Vrolijk, Hago : 10.—; F-ino Roelants, Hago : 0.50; F-ino van Vliet, F-ino J. Frijlink, Alphen a.d. Rijn : 11.—; S-ro E. Outshoorn, Amsterdam : 1.—; S-ro H. Pemper van Breen, Zeist : 25.—; F-ino A. G. Brouwer, Hago : 20.—; S-ro M. de Boer Brouwer, Nieuwe Brug : 10.—; S-ro R. Koerselman, Deventer : 1.—; S-ro J. J. Fraser, Heemstede : 10.—; S-ro W. Meijering, Baarn : 2.50; S-ro T. Halma, Oranjedorp : 1.—; S-ro Th. Tiessen, Den Burg : 2.50; S-ro van Coeverden, Diepenveen : 10.—; S-ino Anna Mers, Rotterdam : 5.—; S-ro J. Bos-Meilink, Heemstede : 2.50; S-ro Ch. Kromziek, Rotterdam : 10.—; S-ro Roodenburg, Hillegenberg : 1.—; F-ino P. P. Termaat, Delft : 25.—; S-ro Menkhorst, Hengelo (G.) : 1.—; S-ro G. Jongbloed, Velp : 5.—; S-ro P. Zellenrath, Goes : 1.—; F-ino Vermaas, Rotterdam : 1.—; Esperantista Klubo Progresado, Apeldoorn : 10.—; S-ro D. J. Klein Lankhorst, Apeldoorn : 2.50.

Sumo kolektita en Nederlando : 177.— Guld.

## En Belgujo

**(En belgaj Frankoj)**

S-ro Ritchie, Antwerpen : 100.—; S-ino Staes, Bruselo : 20.—; S-ro Josef de Maeyer, Nijvel : 300.—; S-ro Jules Ginsburg, Antwerpen : 100.—; S-ro E. Urbach, Antwerpen : 50.—.

Sumo ricevita en Belgaj Frankoj : 570.—.

## El Britujo

**(En angla mono)**

Aro da sendaĵoj el Britujo atingis nin nur je la jarfino, tiel ke ni povas ilin citi nur post konfirmo de la banko, sekve en venonta numero de la gazeto ESPERANTO. Ĉi-tie ni dankas jam al afablaj sendintoj :

H. P. Saunders, London; S-ro C. Sawyers, Edgbaston; F-ino A. B. Edwards, Bishop Auckland; S-ro J. Course, Royston; S-ro Harry Bramwell, Sheffield; S-ro A. J. Howard-Hulme, Brighton; F-ino Horncastle, Croydon; S-ro H. V. Cooper, Bromley; S-ro J. W. Holland, Leighton Buzzard; F-ino E. Squire, West Hartlepool.

---

La tuta sumo de la kolekto atingas je la 31-a de Decembro 1939 Frk. sv. 1337,10

---

El la multaj korespondaĵoj ricevitaj ĉe la Centra Oficejo, ni vidas kiom grandan partoprenon trovas la malfeliĉo de la Familio Zamenhof ĉe la esperantistoj. Al diversaj korespondintoj ni respondos letere, tiom kiom ni povos; al iuj demandoj ni respondos publike pro la ĝenerala intereso.

La Estraro de UEA, kunveninta je la sepa de Januaro 1940 en Genève, aŭdis la raporton de la Direktoro pri la klopodo farita. Ĝi decidis :

1. *Ke estu malfermata aparta kontlibreto ĉe la banko, sendependa del' aferoj de UEA, kun la titolo* Zamenhofa Fundo, *al kiu estu enpagataj ĉiuj sumoj ricevitaj kaj-otaj por tiu celo kaj el kiu estu pagotaj la farotaj helpoj.*

2. *Ke por eviti ĉiun miskomprenon kaj suspekton, eblaj monsendoj al Polujo estu farotaj nur el sumoj ricevitaj el ne-militantaj kaj neŭtralaj landoj, dume la sumoj ricevitaj kaj - otaj el aliancaj landoj servu por la helpo, okaze de elmigro. Britajn esperantistojn ni informas, ke ni sciigis la aferon al koncerna fako de la brita registaro (Board of Trade, sekcio rilatoj komercaj kun malamikaj landoj).*

Promesoj je regula helpo venis de la Esperantista Grupo Zürich ankaŭ aliaj grupo intencas krei konstantan kolekton. La Cseh Instituto en Hago metas je la dispono de la Helpo sian tutan bonhavon en Polujo, la Centra Esperantista Librejo en Parizo aktivigas la vendon de la Zamenhofaj verkoj por tiel kolekti monon, la Esperantistoj en Palestino kunvenintaj en Tel Aviv dum Decembro, decidis entrepreni la necesajn formalaĵojn por ke la Zamenhofoj povu ricevi la enirpermeson.

La Gazeto ESPERANTO regule raportos pri la helpo. Fine ni volas ree esprimi al ĉiuj kiuj bonvolis respondi al nia alvoko nian koran dankon, same ankaŭ al la helpemaj eksoficistoj de UEA en Genève, kiuj alkuris por labori vespere libervole presigante cirkulerojn, adresojn, pakigante kaj enkovertigante la sendaĵojn.

H. J.

Finredaktinte tiun-ĉi tekston atingas nin informo, laŭ kiu D-ro Z. devis forlasi Varsovion.

---

## Eĥoj je nia alvoko

*Kun granda ĉagreno mi aŭdas pri terura sorto de Familio Zamenhof.*

*S-ino Tissot, Basel.*

* *

*Mi pensas, ke tiu ĉi cirkonstanco devus esti okazo por refari la unuecon inter ĉiuj Esperantistoj.*

*L. Ozouf, Lausanne.*

* *

*Kun sinceraj deziroj, ke la Familio Zamenhof estu efektive helpataj.*

*J. J. Fraser, Heemstede.*

* *

*Ĉu oni ne klopodis ekhavi kunlaboron kun ekz. IEL kaj aliaj organizaĵoj esperantistaj? Se ne, kial? Se jes, kial oni ne komunikas tion en la cirkuleroj?*

*R. Koerselman, Deventer.*

* *

*Mi invitas por tri monatoj unu anon de la familio Zamenhof.*

*M. de Boer-Brouwer, Nieuwe Brug.*

* *

*Vi iniciatis mian planon, koran dankon pro tio. Mia modesta subteno estu instigo por miloj da samideanoj. Mi proponas disponi grandskale monataĵn sumetojn al kio mi partoprenas. Dezirante al vi sukceson proporcie al la meritoj de la Familio Zamenhof, mi petas vin nepre certigi, ke la mono venu en la bonajn manojn.*

*A. L. Moreau, Arnhem.*

# Nostradamus reviviĝinta

Profetoj ĉiaspecaj, astrologoj ĝis kartdivenistinoj havas nuntempe dankeman klientaron. Spite ĉia teknika progreso, la homo rifuĝas en sferoj misteraj kaj mistikaj, kiam li ne plu kapablas kompreni la mondon. Kaj estas do ne mirige, ke libroj okultaj, precipe tiaj kiuj permesas diveni la estonton, trovos sukceson.

Kaj tia « *plejbonvendulo* » iam estis en jaro 1555 la verko « *Les Vrayes Propheties de Maistre Michel Nostradamus* ».[1] Kaj ĝi refariĝis tia nun. La temo estas la okazontaĵoj por pli ol 700 jaroj. La formo estas tielnomataj *Quatrains*, kvarliniaj strofoj, kunigitaj po cento en *Centuries*, en « Sixaines », sesliniaj strofoj kun 3 rimoj, kaj el « Présages », kvarliniaj strofoj kun 2 rimoj. Ĉiu strofo priparolas okazontaĵon sen preciza dato. Kaj kiam tia estas, tiam la dirajo estas ĝusta. La enkonduko de la libro antaŭdiras novan jarkalkulon por Francujo en 1792. Ĝi estis la jaro I de la granda revolucio.

Kelkaj biografiaj notoj : Nostradamus, judkristano, naskiĝis 14 Decembro 1503 en Saint-Rémy, en la Provenco. Kuracisto kun multe da sukceso kontraŭ la pesto, fabrikanto de belec-produktaĵoj kaj de marmeladoj. Li mortis (1566), en Salon-de-Craux, urbeto inter Marseille kaj Avignon.

Kiaj nun estas la profetaĵoj ? Legante ilin en la origina lingvo, nuntempulo havas penon ion kompreni. Ĉu estis intenco, ĉu li sekvis la kutimon siatempon ne esti klara, sed nebuligi ĉion, tio estas demando. Jam la lingvaĵo, miksaĵo stranga, postulas kvazaŭ tradukon. Kaj poste interpretanton, klariganton. Ekzistas centoj da libroj kiuj klarigas, kio ne estas klarigebla. Al la profetaĵoj de Nostradamus mankas la dusenceco de la klasikaj orakoloj. Tia kvarlinia strofo restas nekomprenebla ĝis la momento kiam la enhavo iĝas realaĵo kaj kompreniĝas al ĉiu facile. Longe la parizanoj de l'epoko kiam aperis la libro serĉis kompreni la jenan strofon

*Le lion jeune le vieux surmontera*
*En champ bellique par singulier duelle*
*Dans cage d'or les yeux luy creuera,*
*Deux playes une, puis mourir, mort cruelle.*

La juna leono venkos la maljunan
Sur militkampo en duelo unuopa
Elpikos okulojn liajn en ora kaĝo
Du vundoj iĝos unu, poste morti mort'kruelan.

Eĉ la maljuniĝanta Henriko II suspektis ion. Nome, *lion* signifas ankaŭ (franca) reĝo. Kaj efektive ! En turniro, la lanco de l'kontraŭulo trairis la oran vizieron (ora kaĝo) de l'reĝo. La juna leono, kiu venkis la reĝon, estis la Grafo de Montgomery. Henriko II mortis dek tagojn poste kaj la famo de Nostradamus pligrandiĝis pro tiu ĉi antaŭdiraĵo.



NOSTRADAMUS

Tiu ĉi strofo ankoraŭ estas facile komprenebla lingve. Plenaj je simboloj, alegorioj, vortludoj, anagramoj, estas la plimulto kaj la leganto fine forjetos, tedegita la libron por pli poste preni ĝin denove.

« *Strangaj birdoj* » batalantaj kiel « *maŝinoj del' fluganta fajro* », « *feraj fiŝoj kaŭzantaj plej teruran de ĉiuj militoj* » kion homo de l'16-a jarcento komprenu sub tio ? Ni, anoj de la dudeka jarcento jam komprenas ĝin, legante ĉiutage pri aerbomboj el aviadiloj kaj pri submarboatoj. La samtempuloj ankaŭ nenion komprenis pri la Tuilerioj ĉar tiu ĉi kastelo ne ekzistis je tiu epoko.

Sed kion diri pri jena strofo :

*Du Lac Léman les sermons facheront*
*Des jours seront reduicts par les semaines*
*Puis mois, puis an, puis tous défailleront*
*Les magistrats damneront les lois vaines.*

Ĉe Lago Lemana predikoj kolerigos
La tagoj preterpasos, semajnoj
Poste monatoj, jaro kaj ĉiuj falos

Kaj registaroj kondamnos leĝojn vanajn.

Ĉu tio ne estas la Ligo de Nacioj ?

(Lago Leman — Ĝeneva lago ; Magistrats = registaroj.)

Kaj alia strofo antaŭdiras la finon de la germana respubliko, la nuligon de la kontrakto de Versailles (Unua centurio, 61-a strofo).

*La République misérable, infélice*
*Sera vastée de nouveau magistrat*
*Leur grand amas, de l'Exile maléfice*
*Fera Sueve ravit leur grand contract.*

Kio estus :

Mizera respubliko malfeliĉa,
Detruita de la nova registaro
Ilia granda amato, malbenita de l'ekzilo
Igos ke Suevio disŝiras la grandan kontrakton.

Notinde estas, ke Suevio ne indikis nur la solan tribon suevan (ŝvaban) sed ankaŭ ĉiujn tribojn de l'antikva kaj mezepoka Germanio.

*En Germanie naistront diverses sectes,*
*S'approchant fort de l'heureux paganisme*
*Le cœur captif et petites receptes*
*Feront retour à payer la vraye disme.*

Kio signifus :

Naskiĝos en Germanio sektoj diversaj
Alproksimiĝantaj ege feliĉan paganismon
Kun kor'kaptita kaj enspezoj etaj
Pagontaj kiel iam dekonon de l'enspezo.

Ni lasas al la esploremo de la leganto, trovi la efektivigon de tiu ĉi profetaĵo en okazintaĵoj nur tro konataj.

[1] **Dr. de Fontbrune** : Les Prophétie de Maistre Michel Nostradamus, expliquées et commentées. Michelet, éditeur, Sarlat, Dordogne. 1939.

Kaj fine io promesiga :

*Le regne humain d'Angélique géniture*
*Fera son regne paix union tenir*
*Captive guerre demy de sa closture*
*Longtemps la paix leur fera maintenir.*

Tiun ĉi strofon oni povus legi proksimume tiel :

Humana registaro de origin' anĝela
Starigos Union pacan sur la ter'
Kaptante la militon en ejo bon'fermita
Por longa tempo restos pac' en ver'.

Restas nur la demando : Ĉu *Angelique,* respondas al la adjektivo anĝela, tiel ke la paco dependos de ĉielaj anĝeloj, aŭ ĉu Nostradamus antaŭvidis la gravan rolon, kiun ludos Anglujo por la starigo de paca reĝimo ?

François Hayotte.

# El franca poezio

## La Daimo

*José-Maria de Heredia.*

*Sub nigra militvipo, kvarparta kun pompon',*
*La vira batal preta ĉevalo baŭme henas,*
*Kaj kune, de la sabro-tintado, bru' devenas,*
*De l' kupra brustkiras', de l' lamena jupfeston'.*

*La ĉefon vestas bronzo, lakpecoj, krepkoton' ;*
*Li sian glatvizaĝon de l' hirta masko senas*
*Kaj vidas, ke l' vulkano, sur fon' cinabra tenas*
*La supron neĝan, ridon aŭroran de Nipon'.*

*Sed glora, tra ŝprucitaj orsplitoj, al east',*
*Lumonta tiun tagon kruelan, jen la astr'*
*Ekrompas, rond' blindiga, la maran rektprofilon.*

*Kaj, ŝirmo por okuloj, sen sola palpebrum',*
*Per skuo li malfermas la feran ventumilon*
*Sur kies blank' atlasa leviĝas ruĝa sun'.*

## Sonĝo

*Sully Prudhomme.*

*Dum sonĝo, la plugisto min diris : « Faru panon !*
*De nun, vin mi ne nutros ; la teron skrapu, semu ! »*
*Min diris la teksisto : « Vi vestojn mem faŝenu ! »*
*Kaj masonisto diris : « Vi, trulon en la manon ! »*

*Kaj sola, nun perdinta ĉiesan tutan amon,*
*Ĉar ŝajnis interdiri la homoj : « Lin malbenu ! »*
*Mi petis al ĉielo : « Kompaton vian venu ! »*
*Sed tiam mi ekvidis sur vojo levjatanon.*

*Dubante pri l' taglumo, malfermis mi okulojn :*
*Fajfantaj laboristoj alnajlis la tabulojn;*
*Teksiloj brue zumis ; la kampojn oni semis.*

*Mi konis mian ŝancon kaj ke en niaj domoj,*
*Neniu povas vivi sen helpo de la homoj.*
*De tiu tago, tial, mi ĉiun ami emis.*

*El la franca : G. S.*

## Koral-rifo

*José-Maria de Heredia.*

*La suno sub la maro, mistero de l' aŭror',*
*Lumjetas al arbara koralo abisena*
*Miksanta en profunda tepida kav, basena,*
*La beston en burĝonoj kun animal' en flor'.*

*Pro salo, jodo, ĉio mirigas per kolor' :*
*Hirthara algo, musko, ekin', maranemono ;*
*Purpurmantelo tegas per riĉa pendfestono*
*La fundon vermstriatan de l' pala madrepor'.*

*Kun sia brila skvamo, emajla dum esting',*
*Fiŝego naĝas tra la branĉar' per vostosving' ;*
*En ombro diafana, li vagas, revidota ;*

*Subite, fajron jetas naĝila bata sku',*
*Kaj kure tra l' kristala, senmova, morna blu',*
*Rapidas tremo ora, smeralda, perlamota.*

*El la franca : G. S.*

*

### Penso por la monato

Malgraŭ la alarmoj kaj eksteraj maltrankviligoj de la milito, nia celo ankoraŭ estu, trovi la internan Pacon de Dio. « Dio fariĝas rekompencanto al tiuj, kiuj Lin diligente serĉas. » Li nin rekompencas per tio, ke Li dividas kun ni Sian Pacon.

H. T. Hamblin.

Se ni deziras havi trankvilan menson, ni devas ĝin okupi per trankvilaj aferoj, — aferoj senŝanĝaj, kiujn ne influas forpasemaj kaj nedaŭraj okazoj. Pasantaj okazoj ne povas daŭri ; ili rapidas preter ni en forgesecon. Sed ekzistas aferoj, kiuj daŭras kaj estas por ĉiam belegaj, — la muziko de famaj Majstroj, la pensoj de Senmortaj Saĝuloj, la Eterna Vero de la Vorto de Dio. Plie, ni devas vivi nur unu tagon samtempe ; ĉar, se ni fidele kaj bone vivas hodiaŭ, la Eternulo zorgos pri la tagoj venontaj.

H. T. Hamblin.

 

# Heroeca Finnlando



Kun retenata spiro la civilizita mondo sekvis la evoluon de la krizo dum Novembro pasinta. Ĝis la radio nin instruis, **ke Finnlando minacas la sekurecon de l'najbaro.** Ho nemortebla Juvenal, vi prave diris: **Malfacile estas ne skribi satiron.** Kaj oni emus skribi tian, se la okazintajoj ne estus tiom kruelaj. Estante knaboj ni lernis pri la heroeco helena kontraŭ persa koloso. Kaj ni diris al ni: Tia sinofero por ideo ne estas plu ebla. Estante plenaĝaj ni vidas, ke tia sinofero por ideo eterna, tiu ĉi seninklina heroeco ekzistas. Vi bravaj filoj de **Suomi**, vi montris al muta mondo, kion kapablas malgranda popolo, lasita al la sorto pro kondiĉoj nevenkeblaj: nome prefere morti ol iĝi sklavoj!

Jam monatoj daŭras la malegada batalo. Naturo kaj homo, ambaŭ kruelaj ne paralizis vian volon resti tia kia vi estis, libera popolo senpretenda. Ĉu via rezisto utilas? Kompromisemuloj, oportunistoj kaj pacemuloj pro principo, konsilus cedu, submetiĝu, suferu. Kaj aliaj, la grandega plimulto de reale pensantaj homoj, nur povas miri kaj admiri vian faron.

La senco de via batalo? Nu, ĝi ne nur estas por vi, por via sendependeco, por via libereco. Kiel kuniklo rigide rigardas minacantan serpenton, tiel dum pasintaj monatoj, la interesitaj popoloj sekvis la evoluon de diskutado al subita atako. Ŝajnis esti fatalo, ke ĉiuj mez- kaj malgrandaj ŝtatoj, iĝos vasaloj de imperialismo sub nova nomo. Kaj malpeziĝis la koro, kiam la radio diskonigis la faktojn. Ĉiuj popoloj sin sentantaj subjugotaj de potenca najbaro, respiris libere: David ja ankaŭ venkis Goliaton. Konvinkiĝo pri propra povo kaj kapablo revenis. Kaj tion kaŭzis via sinteno. La estonto montros, kiom grave influis la historion via kuraĝa rezistado.

Aparte ni Esperantistoj pensas je vi, je niaj amikoj tie en la lando de la lagoj. Ni ne povas helpi vin materie, tro malfortaj ni ja estas. Sed ni ĉiuj en liberecaj landoj partoprenas per nia modesta obolo por doni al vi tion, kion vi pleje necesas por flegi vunditojn, por agi kontraŭ malvarmo kaj malsato. Neniam kolekto por helpo estis akceptita kun tioma sincera konsciiĝo pri neceso ol tiuj organizitaj ĉie por helpi Finnlandon. Kaj ĝin partoprenu la Esperantistoj. Finnlandaj Esperantistoj, ni salutas vin, kun arda deziro, ke la sorto sin montru favore al vi kaj al via lando.

Universala Esperanto-Asocio

# Runo je honoro de Finnlando

**De Kolomano Kalocsay, (1922)**

Vokas voĉ' de Veinemöinen [1]
Vibras vok'en vaga vento
Kaj ĝin muĝas malproksimaj
Montoj, maroj murmurantaj

La potenca praa patro
De la kantoj karesantaj
La bravulo kun la brila
Balaanta blanka barbo
Kaj ĉe l'koro kun kantele [2]
Kies kordoj sorĉe sonas
Ravon semas en la sinoj;
Veinemöinen vekiĝinta
Vigle, veke, varbe vokas,
Logas li al land' de l'lagoj
Kun la filoj festi frate.

Vibras voĉ' en vaga vento:
Sonĝis mi en sankta sino
De Suomi [3] kaj ripozis
En la revoj, rememoroj
De la idoj inspiritaj.
Sed min vekis vok' de l'tempo.
Min el muska tero tiris
Sorĉaj sonoj sonorantaj.

Miri venis mi miraklon:
Patrolingvon de la Mondo:
Lingvon, kiu liutsone,
Lule ludas sur la lipoj,
Flate, flustre, flirte flugas,
Dolĉon donas dorlotante,
Muĝas, kiel mar'majesta,
Kun titana tono tondras:
Ideala inda ilo,
Instrumento konkuranta
Kun la kordoj de Kantele.

Miri venis mi miraklon,
Fablan forton fepotencan,
Kiu tegas tutan teron
Kaj por arda amo armas.
El la disaj, dividitaj
Gentaj grupoj glore formas,
Fandas fratan familion,
Ravan rondon sub radioj
De l'eterna esperstelo.
Ege eĥu elementoj,
Resonadu regionoj
Vekan, varban, vokan voĉon
De la nobla nova sento!

Helpi venis mi heroojn,
Helpi homojn hederindajn
En la brava batalado
Por la bono, por la beno
De la mondo baraktanta.
Kantu, kordoj de Kantele
Ilin inde invitante
Al la kampoj kalevidaj [4].

Am-armeo! Amasiĝu!
Armu vin per arda amo!
Festu frate kun la filoj
Kaj sen laco laboradu!

Luktu firme, forte, fajre
Kaj sufoke kaptu kole
Tiun urson ulnoungan,
La militon malicegan
Monstron de la Mortolando:
Kreu kuna konstruado
Novan, sanktan, savan Sampon [5]
Mir-miraklan muelilon
Por mueli la malamon
Mondon monstre mordadantan.
Fine idoj inspiritaj
Kiel iam Ilmarinen [6]

Forĝu firman firmamenton
Kun ĉielaj ĉiuj ĉarmoj
Dian pompan mondpalacon:
Pian pacon paradizan
Kun la dolĉaj didonacoj
De la fabla feliĉego.

Al la land' de l' Mil' da lagoj,
Muskaj montoj murmurantaj
Vetflugante kun la vento
Vokis voĉ' de Veinemöinen.

[1] Veinemöinen: ĉefheroo de la Kalevala, la « eterna kantisto » forĝinto de l'liuto.
[2] Kantele: muzikinstrumento, kiun Veinemöinen kreis.
[3] Suomi: = Finnlando.
[4] Kaleva: praavo de l'finnaj herooj.
[5] Sampo: la mirakla muelilo, kiu donas abundecon kaj feliĉon, kaj kies akiron rakontas la Kalevala.
[6] Ilmarinen, filo de Kaleva.

# Universala Esperanto-Asocio

**Palais Wilson, Genève, Svislando.**

**Officiala Informilo**

**1940 — Januaro — N-ro 1**

**Kunveno de l'Estraro.** — La Estraro de UEA kunvenis je la sepa de Januaro 1940 en la Centra Oficejo en Genève. Ĝi aŭdis raporton pri la stato de la Asocio, ekzamenis la financojn kaj diskutis la budĝeton proponitan por 1940.

La Estraro decidis :

1. **Aprobi** la jarkalkulon 1939 (En- kaj elspezoj de UEA) ;

2. **Akcepti** la budĝeton por 1940 kun kelkaj ŝanĝoj ;

3. **Administri** la Fundon por helpo al Familio Zamenhof sendepende de la UEA aferoj, per malfermo de aparta konto ĉe la banko (Speciala Fundo) ;

4. **Aperigi** regule la gazeton ESPERANTO, unufoje dum la monato ;

5. **Akceli** efektivigon de plano pri utiligo de la servoj de UEA, skizita de la Direktoro.

**Jarlibro 1939-1940,** — La Jarlibro 1939, prokrastita pro diversaj cirkonstancoj aperas nun kaj estas sendota al ĉiuj pagintaj anoj de 1939. Kelkaj partoj estas modifitaj, tiel ke la libro reprezentas la staton proksimuman de la movado je la komenco de la milito. Pro nepra devo ŝpari kie oni povas, la Jarlibro ampleksas nunjare 204 paĝojn. Krom la kutima parto, ĝi enhavas artikolon pri la Gazetaro Esperantista, pri SAT kaj studon pri la transskribo de propraj nomoj en Esperanto kun listo de propraj nomoj.

Se la kondiĉoj permesos, aperos dum 1940 aldono al la Jarlibro 1940. Ĝia apero entute dependos de la kondiĉoj dum la nuna jaro kaj de la . . . enspezoj.

Samideanoj, kiuj ne ricevis la Jarlibron ĝis fino de **Marto 1940** bonvolu informi la Centran Oficejon. La ekspedo okazos el Beograd, komence de Marto.

**Esperanto.** — Al la membro-abonantoj kaj al la subtenantoj de UEA, pagintaj por 1939 estas sendataj kompenso sub formo de valora libro, por la tri numeroj de la gazeto ESPERANTO, ne aperintaj dum la unuaj militmonatoj.

**Danko.** — La Estraro de UEA esprimas sinceran dankon al F-ino Lynch, F-ino Liliane Callier, S-ino Fr. Jakob, S-ino Marguerite Egger, S-ro Charles Gossweiler, F-ino J. Damon kaj F-ino Lapp, kiuj bonvolis labori libervole en la Centra Oficejo por la servo de perado kaj la dissendo de la alvoko favore de Familio Zamenhof.

## Esperantista Interhelpo

Germana Esperantisto 26 jara, troviĝanta en Svislando, rifuĝinto, studinte en Germanujo, Danlando, Anglujo, Svedlando, instruinte Esperanton en Danlando. la germanan en Anglujo, parolante flue kvin lingvojn, estas en malfacila situacio financa. Ĉar ne rajtas labori en Svislando, kaj ĉar devas atendi permeson eniri alian landon, kore dankas al bonvolaj samideanoj pretaj lin helpi. Posedas bonajn referencojn. Informojn donas Esperantista Interhelpo, servo de UEA, Palais Wilson, Genève.

## Niaj Mortintoj

*S-ro Krisjanis Strazde*, ano de UEA de 1917 ĝis nun kaj Delegito en urbo Jelgava, Latvio. (Laŭ mallonga informo sen komentario.)

*S-ro Paul Larue*, eks-membro de UEA n-ro 26520, el Parizo mortigita ĉe la fronto, ĉe la komenco de la milito. (Laŭ Franca Esperantisto.)

*F-ino Françoise Mourguiart*, Bordeaux, anino de UEA de ĝia fondo, kaj dum multaj jaroj subtenantino, 2-an de Januaro 1940. Silenta laborantino por nia afero, F-ino Mourguiart komprenis la idealismon del' agado de UEA kaj restis fidela al ĝi, spite ĉiuj invitoj kaj klopodoj kontraŭaj. Krom UEA ŝi subtenis la lokan grupon, kiu kunvenis en ŝia hejmo. Bona posedanto de la lingvo, F-ino Mourguiart parolis ĝin facile kaj sen akcento fremda. UEA kiel la loka grupo perdis en ŝi sinceran amikinon.

*S-ro Josef Brich*, ano de UEA en Praha. (Laŭ reveno de sendajo un mencio « mortis ».)

*Kolonelo Henri Husson*, esperantisto de 1913, ano de la Pariza grupo, ĉe la fronto. (Laŭ Franca Esperantisto.)

*S-ro D-ro Rudolf G. Maeder*, apotekisto en Sankt Gallen, Svislando. Varbita al Esperanto pro propra sperto pri nesufiĉeco de naciaj lingvoj dum vojaĝo, D-ro Maeder fondis la Novan E- Klubon en Sankt Gallen kaj dum pluraj jaroj gvidis la Svisan Esperanto Societon. Fidela amiko al UEA aminda en rilatoj, fervora laborinto por nia afero, tiel li restas en la memoro de tiuj kiuj lin konis. Li mortis nur 40 jara, post mallonga malsano, la 2-an de Februaro 1940.

*
* *

Nia fidela Delegito en Bordeaux, samideano Charles Brunet priploras la morton de kara patrino, S-ino Vidvino Brunet atinginte 86 jarojn.

## Palestino

En Palestoino nia movado ĝis nun kalkulis nur izolajn amikojn, kelkajn Delegitojn de ambaŭ organizajoj, jen ĉio... La enmigro de aro da Esperantistoj ŝanĝis iom la situacion. Kaj nun fine, dank' al la klopodoj de kelkaj fervoruloj, kunvenis ĉirkaŭ cento da samideanoj en Tel Aviv 14-15 Decembro. Eĉ el Bethlehem venis delegito, de nacieco araba. La kunveno okazis en plena harmonio kaj nur en Esperanto. La kunveno decidis starigi organizajon tutlandan, Palestina Esperanto Ligo, eldoni monatan bultenon, fari necesajn paŝojn por akcepti Familion Zamenhof en Palestino.

Estis elektita la jena estraro: S-roj Berman, N. Dresner, F-ino Thea Kohn, S-roj Maimon, Ŝtampfer, ĉiuj en Tel Aviv; D-ro Olŝvanger, N. B. Chavkin, J. Kohen-Zedek, P Laŭovicki, el Jerusalem kaj S-roj Ĥ. Armoni, M. Brsler el Haifa.

# La Verkaro de D-ro L. L. Zamenhof devus troviĝi en la biblioteko de ĉiu esperantisto

**Akirante la verkaron de la Majstro, vi ne nur riĉigas vian scion de la lingvo, sed vi partoprenos en la helpo al la Familio de la Majstro, nun en efektiva mizero !**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Fundamento de Esperanto, 5 lingva, kartonita | 1.40 | La Rabeno de Baĥaraĥ | 0.70 |
| Fundamenta Krestomatio | 2.25 | La Rabistoj | 1.10 |
| Lingvaj Respondoj | 1.15 | » (Luksa papero) | 1.35 |
| Proverbaro Esperanta | 1.00 | La Revizoro | 1.00 |
| Fabeloj de Andersen : Volumo II | 1.15 | » (Luksa papero) | 1.35 |
| » Volumo III | 1.15 | Marta | 2.00 |
| Georgo Dandin | 0.60 | » (Luksa papero) | 2.50 |
| Hamleto | 0.85 | Levidoj, libro (el la Biblio) | 0.35 |
| Ifigenio en Taŭrido | 1.00 | La Predikanto (libro el la Biblio) | 0.35 |
| » (Luksa papero) | 1.35 | | |

**Ĉiuj libroj estas broŝuritaj. La prezoj estas kalkulitaj en SVISAJ FRANKOJ kaj kun afranko por internacia sendo kiel presaĵo.**

**Eldonisto : Esperantista Centra Librejo, Paris**

**Mendebla ĉe Universala Esperanto-Asocio, (Libroservo), Palais Wilson, Genève Svislando**

# Eksterordinara okazo por akiri librojn je modera prezo

La Biblioteko de UEA posedas multajn librojn duoble. La Centra Oficejo ricevis dum la lastaj jaroj d o n a c e plurajn bibliotekojn de samideanoj devigitaj seniĝi de esp. libroj. Ĝis 1934 la Bibliografia Servo de UEA uzis duoblajojn por interŝanĝe ricevi aliajn verkojn. Sed restas granda stoko da utiligeblaj libroj. Por permesi al samideanoj, dezirantaj akiri je modera prezo literaturajon, ni decidis disvendi ĉi tiujn duoblajojn. La enspezoj servas por kompletigi la kolektojn de la Biblioteko de UEA. Estas vendataj nur kolektoj, unuopajn verkojn ni ne povas liveri La prezoj estas en svisaj frankoj, pageblaj per kia ajn mono aŭ maniero.

**Pakaĵo 1**

36 broŝuroj diversaj inter ili *Akbar*, orienta romano de van Limburg Brouwer, *La Nekonata konato*, mistera rakonto de Douglas P. Boatman; G i n e v r a, triakta dramo de Edmond Privat; kolekto de rakontoj de L. Tolstoj 7 kajeroj; Verdaj fajreroj, versajoj de Roman Frenkel; kaj tiel plu.
Pezo 1750 gramoj. Prezo kun sendo ......... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 2**

30 broŝuroj diversaj. Inter ili *Formortinta delsuno* rakontita de li mem, *Jolanto*, la filino del reĝo René; Esperantaj prozaĵoj, fabeloj noveloj kaj skizoj, Hamleto, La fundo de l'mizero de Sieroŝevski; kaj tiel plu.
Pezo 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 3**

22 brosuroj, inter ili: *Ramuz*, A l i n e ; *Seippel:* Adèle Kamm; *Calderon de la Barca :* La urbestro de Zalamea; *Heine:* Atta Troll; La Vendreda Klubo, 11 diversaj artikoloj verkitaj de la Vendredo-klubanoj.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo ..................... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 4**

22 broŝuroj, inter ili : La floretoj de San Francisko, Vortoj de Profesoro Th. Cart, Jolanto, la filino del Reĝo René. Kondukanto de l'interparolado kaj korespondado; kaj tiel plu.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 7,50

**Pakaĵo 5**

40 broŝuroj, inter ili kompleta kolekto de Biblioteko Tutmonda 1-20, 22 numeroj el la Esperanta Biblioteko Internacia kaj 7 volumoj el la kolekto Internacia Mondliteraturo.
Pezo: 2.000 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 10.—

**Pakaĵo 6**

Ok libroj, el kiuj sep el la Kolekto de La Revuo, nome Carmen, de Mérimée, Halka (opero) Frenezo, Mazepa, Mistero de Doloro, Kaatje, Imenlago, kune 450 paĝoj da teksto; plie, O s t l o r n, vilaĝaj skizoj, de S- Ulfers, el nederlanda literaturo 294 paĝoj.
Pezo: 1750 gramoj. Prezo kun afranko ...... Fr. sv. 6.—

**Pakaĵo 7**

Prilingvaj verkoj : Plena Vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca, de Boirac, 432 paĝoj, leksikon formata en tri kajeroj, — Zamenhofaj vortoj netroveblaj en la universala Vortaro — Unua oficiala Aldono al la oficiala Vortaro — La elementoj kaj la vortfarado (Ĉefeĉ) Esperanta Vortfarado laŭ la fundamento (Fruictier) Sintakso (Fruictier).
Pezo: 1500 gramoj. Prezo ..................... Fr. sv. 6.—

La listo estas daŭrigata. Samideanoj kiuj interesiĝas pri L A R E V U O estas informataj ke ni povas disponigi kelkajn kompletajn jarkolektojn kaj kompletigi tiajn. Pli poste ni informas pri jarkolektoj de interesaj periodaĵoj esperantistaj.

**Mendojn oni direktu al Universala Esperanto-Asocio, Palais Wilson, Genève**